

# Esperanto Hamburg

Hamburga Esperanto-Societo r. a.
Esperanto-Verein Hamburg e.V.

Aprilo/Majo (2) 2009

## Elbphilharmonie

La estonta rekonilo por Hamburg (konstruata)

Foto: © Herzog & de Meuron


**ESPERANTO HAMBURG** ehh

**Eldonanto:** Hamburga Esperanto-Societo r. a.
www.esperanto-hamburg.de

Poŝta adreso:
Klaus-Groth-Str .95
20535 Hamburg
Tel: 0160 / 17 33 980

Konto: GLS-Bank
n-ro: 200 67 16 500
BLZ 430 609 67



**Prezidantino:**
*Kerstin Baasch*
Scharpenmoor 74 e
22848 Norderstedt
baasch@esperanto-hamburg.de

**Redaktoro:**
*Benno Klehr*
Winterhuder Weg 32
22085 Hamburg
Tel: (040) 43 18 83 47
klehr@esperanto-hamburg.de


## Karaj legantoj,

unue mi volas danki pro la artikoloj kiujn mi ricevis. Bedaŭrinde kelkaj artikoloj estas tro longaj por nia bulteno. Mallongigo povas forigi la intencon de la aŭtoro. Do mi petas skribi mallongajn artikolojn, kiuj ne ampleksas pli ol unu paĝon.

En la pasinta informilo mi skribis, ke mi ne fidas je tio, kion oni trovas en interreto, ĉar mi trovis evidentajn erarojn. Intertempe la tuta germana gazetaro ankaŭ spertis tion: En Februaro 2009 Germanio ricevis novan ministron de ekonomio. Estis apenaŭ konata 37jara s-ro *zu Guttenberg*. La ĵurnalistoj devis raporti pri tiu nova ministro, do ili konsultis germanlingvan *Vikipedion*. Sen kontroli la faktojn eĉ la plej renomaj gazetoj publikigis laŭ *Vikipedio*. Ili ne sciis, ke iu fripono estis falsinta la informojn. Inter la multaj antaŭnomoj, kiujn kutime havas germanaj nobeluloj, aperis plia nomo, *Wilhelm*, kiun la ministro ne havas. Tamen nia ministro estis bonŝanca, ke ne estis malica falsanto. Antaŭ kelkaj jaroj okazis vere terura falsado al ĵurnalisto *John Seigenthaler* en Usono: La artikolo pri li implicis suspekton, ke li iel rilatis al la murdoj je la fratoj *Kennedy*.

Mi esperas, ke mi neniam misinformos vin. Ĝis Februaro mi kredis, ke renomaj gazetoj estas fidindaj...

*Benno Klehr*

La kunvenoj de

**Hamburga Esperanto-Societo**

okazas en la

*Kultur-Butiko*

KULTUR LADEN
ST.GEORG e.V.

**Alexanderstr. 16**
**20099 Hamburg**

## Sentenco

La homoj estas faritaj el kurba ligno.

Immanuel Kant
(germana filozofo)

**Redaktofino**
**de n-ro 3/2009: 07 - 06 - 09**

Hamburg per ***Elbphilharmonie*** ricevos novan imponan koncertejon, kiu enhavu unu el la plej bonaj koncert-salonoj en la mondo. Estos eminenta prezentejo por klasika, moderna, ĵaza kaj pop-muziko. Tiu koncertejo fariĝu nova rekonilo por la urbo kaj samtempe loko por ĉiuj Hamburganoj.

La aŭdaca projekto de arkitektoj *Herzog* kaj *de Meuron* kombinas la tradician brikan konstruadon kun vitraj fasadoj kaj kurba tegmenta pejzaĝo.
Inter tiuj du troviĝas la libere alirebla *Plaza*, kvazaŭ foirejo de kie ĉiu povos ĝui la rigardon al haveno kaj urbo el alteco de 37 metroj .
Ĝi estu loko por renkontiĝoj de hamburganoj kaj gastoj.



**Rigardo al la enirejo**



**La granda salono**

Tie troviĝos kafejoj, trinkejoj kaj restoracioj.
La *Plaza* estos la centra alirejo al koncertejoj, hotelo kaj loĝejoj.

Super la *Plaza* krom la koncertejo troviĝos loĝejoj kaj pliaj kulturaj establaĵoj. En la okcidenta loĝeja parto la konstruaĵo atingas altecon de 110 metroj super la rivero Elbe. En la okcidenta flanko realiĝos kvin-stela hotelo kun konferencejoj kaj diversaj bonfartaj servoj.
La suba parto, kiu en antaŭaj jardekoj estis deponejo por kakao-faboj, enhavos parkadejon, edukan centron, trian koncertejon kun akompanaj ejoj kaj gastronomion.

(Eldonita kun afabla permeso de ReGe Hamburg)

# Federacia Ĝardena Ekspozicio

*Bundesgartenschau* (BUGA) ĉi-jare okazos en *Schwerin* (Ŝverin'), la ĉefurbo de *Meklenburgio-Antaŭpomerio.* De la 23a de Aprilo ĝis la 11a de Oktobro daŭros tiu ekspozicio en eksterordinara formo:
En la urbo-centro – ne kiel kutime ie ĉe la periferio.
En sep ĝardenoj ĉirkaŭ la kastelo, parte sur insuletoj en la *Lago de Ŝverin*, eblos travivi promenadon tra la historio de ĝardena arto. www.buga-2009.de




## Ni vojaĝos al BUGA

### Tuttaga ekskuro al Schwerin

Sabate, la 4-an de julio ni kune vizitos Schwerin:
La malnovan urbon kaj la okazontan Federacian Ĝardenekspozicion "Buga Schwerin" www.buga-2009.de.
Tie gvidos nin la ŝverina esperantisto *Franz-Peter Kurtz*.

Parton de la kostoj transprenos HES, tiel ke **HES-membroj** pagos por la trajnvojaĝo, eniro al Buga kaj gvidado en Esperanto **nur po 10 €**.

Aliĝu ĉe *Gerald Roemer*:
geroemer@t-online.de
aŭ telefone 040-4917194

# Monero 2009

En Germanio en tiu ĉi jaro aperis nova variaĵo de 2-Eŭra monero: Ĝi montras primitivan desegnaĵon de homo apud la eŭro-simbolo.
Sube estas skribita WWU 1999 – 2009.



Foto: Klehr

Ne estas ia klarigo. Kio estas WWU? Ĝi estas germana mallongigo por *Wirtschafts- und Währungs-Union* do Ekonomia kaj Financa Unuiĝo (de 11 eŭropaj ŝtatoj) kiuj decidis en 1999, laŭ striktaj reguloj atingi ekonomian kaj financan stabilecon por enkonduki la Eŭron. La desegnaĵo simboligas la evoluon de la Eŭro: El projekto fariĝis realaĵo.

Cetere:
La plej nova eŭro-lando estas Slovakio ek de la 1a de Januaro 2009.

# Mitreden über Europa
## (Partopreni en diskutado pri Eŭropo)

Sub tiu nomo en Germanio laŭ projekto de *Eŭropa Komisiono* kaj *Eŭropa Parlamento* okazas publikaj diskutoj pri la evoluo de Eŭropo – fakte *Eŭropa Unio*.
La Hamburga senato regule okazigas tiajn kunvenojn en la domo de *Komerca Unuiĝo* (Handelskammer). Partoprenas en tiuj kunvenoj grupoj el diversaj kampoj de la socio. En tiu ĉi jaro la kunveno okazis la 5an de Marto.
En la enirejo al la salono eblis starigi tablon kun informoj pri Esperanto. *Gerhard Hein organizis kaj Hannelore Brunow* helpis en tiu reprezentado al la politike interesita publiko.
*Gerhard Hein* jam dum multaj jaroj engaĝiĝas pri la temo de eŭropa interkompreniĝo. Li tre multe laboras sur tiu kampo, kie la ĝenerala esperanto-movado ne multe agas. Li trovis por ni eblecojn, atingi atenton ĉe gravaj instancoj.


Gerhard kaj Hannelore

## NEW GENERATION
### - Gemeinnützige Einrichtung für Menschen ab Fünfzig e.V.

Dieser sehr professionell geführte Verein, in dem auch ich Mitglied bin und in dem Werner Bormann und ich bereits anläßlich einer Europawoche eine Vortragsveranstaltung machten, sollte aus meiner Sicht im Sinne der Arbeitskreis-Absichten auch für Esperanto-Aktivitäten genutzt werden. Näheres zum Verein unter www.new-generation-hh.de .

Der Verein macht eine intelligente und anregende Arbeit und ist sehr öffentlichkeitswirksam und aktiv. Er hat **für seine Mitglieder** zahlreiche regelmäßige **Thementreffs,** z.B. English Conservation, Klassische Musik, AK Reisen, Theatergruppe und vieles mehr.

Es wäre schön und aus meiner Sicht sehr wichtig, wenn auch ein **Thementreff Esperanto** zustande käme. Die Vereinsleitung ist bei der Organisation behilflich. Die Thementreffs werden in der gut gemachten Vereinszeitschrift regelmäßig angezeigt und es wird über sie berichtet. Die Initiative würde ich als Mitglied gern ergreifen, Eine *regelmäßige* Teilnahme an den Treffs ist mir leider aus diversen Gründen nicht möglich. Wer möchte also die Aufgabe einer regelmäßigen Esperanto-Präsenz übernehmen oder gar die Treffen moderieren? Dazu muß man allerdings Mitglied von NEW GENERATION sein bzw. werden. (Beitrag ca. 60 € /Jahr). Ich stelle mir vor, daß in dem Thementreff eine moderierte Senioren-Esperanto-Selbstlerngruppe gebildet werden könnte. Kontakt:

Gerhard Hein (040) 701 217 69 (Anrufbeantworter) oder gerhardhk.hein@t-online.de .

Gerhard Hein

# Mediprotekta Ĉefurbo de EU

En 2011 Hamburg estos la mediprotekta ĉefurbo de Eŭropa Unio. Ekzistas EU-konkurso inter la urboj pri tiu titolo. En Hamburg jam dum kelkaj jaroj ekzistas diversaj projektoj en la kampo de mediprotekto.
Plej evidentaj estas tiuj, kiujn la homoj vidas en la ĉiutaga vivo:
Por la malaltigo de la produktado de karbona dioksido, laŭ la *protokolo de Kioto*, estas uzataj fotoelektraj sistemoj por funkciigi aŭtomatojn por pagi ĉe aŭtoparkejoj kaj por movigi ŝipeton sur la lago *Alster*.
Sed Hamburg ne troviĝas en tia regiono, kie abundas sunbrilo. Pli taŭgaj por la urbo estas aŭtobusoj kun fuel-piloj (*gas-voltaa baterio* laŭ *W. Grove* 1839,aŭ *galvana gas-baterio* laŭ Siemens), kiuj produktas elektran energion per hidrogeno.
Hamburganoj simple diras „hidrogen-busoj“. Ek de kelkaj monatoj ankaŭ sur la lago *Alster* veturas „hidrogen-ŝipo“. Por la estonta plibonigo de la aero en Hamburg zorgu nova metrolinio kaj moderna tramo.
La lago *Alster* estas tradicie grava, kvazaŭ la koro de la urbo. La akvo de de la lago Alster dum la pasintaj jardekoj tiom pliboniĝis, ke nun eĉ naĝ-konkursoj okazas en la urbocentro – en natura akvo.
Tion ebligis nove konstruitaj tuboj kaj pump-stacioj en la kanalizacio, pro kiuj malpura akvo el la domoj ne plu povas atingi la riveretojn en la urbo. *BK*

## Plej aktuale

Esperanto en la Universitato de Hamburg: **Nova kurso**
marde de 16a ĝis 18a horo.
Komenco: 21.04.2009
(Aliĝo eblas ĝis 17.04.2009)
www.Kulturkursprogramm.de




# Interkultura Festo

Kun muziko kaj dancado el diversaj landoj kaj diversaj epokoj la ĉi-jara Interkultura Festo estis nia unua festo en la nova kunvenejo Kulturladen (kultur-butiko).
Tra la programo lerte gvidis *Ralph Glomp*, kiu kompreneble ankaŭ kantis sukcesajn ŝlagrojn en Esperanto.
La kantisto *Montano*, kiu jam plurfoje kantis ĉe ni, prezentis kanzonojn senescepte en Esperanto. Speciale interesa estis nova kanto laŭ mem komponita melodio kun la vortoj de la poemo "mia penso" de *Zamenhof*.
La pianisto *Johannes Zerr* prezentis malofte aŭdatan muzikon de la hamburga komponisto kaj profesoro pri muziko *Gustav Gurlitt* (1820 – 1901).
Per konata ŝlagro pri la *Sukeropupo* el ventrodanca grupo *Ralph* anoncis kaj transdonis la prezentadon al *Hannelore Brunow*, kiu post tio dancis esprimplenan ventro-dancon.

*Benno Klehr*

# Telefone parki – kiel ĝi funkcias?




Eble vi jam vidis tiun strangan, oranĝ-koloran signon kun numeroj kaj bildo de poŝ-telefono sur parkaŭtomato kaj miris pri ĝia signifo. Estas invito pagi per poŝtelefono, pli precize pere de telefone atingebla servo, sen bezoni moneron.

Kiel ĝi funkcias? Unue vi rete aliĝas al unu el la (por Hamburgo ses) entreprenoj, kiuj ofertas tiun servon kiel kliento kaj ricevas vinjeton, simile al atentigita bildo. Kiam vi decidas parki en pagodeva parcelo, (kaj trovis lokon por parki la aŭton) vi lokigas la vinjeton tiel en la aŭto, ke ĝi bone videblas de ekstere kaj mesaĝe informas vian servon pri la parcela numero de via parkejo. Forveturante vi ankaŭ tion mesaĝas al la servo.
Kiam venas policisto por kontroli, ĉu la ŝoforoj de la parkitaj aŭtoj aĉetis bileton, li vidas vian vinjeton kaj rete povas kontakti la servon por demandi, ĉu vi anoncis la parkadon aŭ ne.
Kiam vi forveturas kaj eble forgesas, ke vi devas malanonci, vi ne timu, ke vi pagos senlime. La sistemo vin aŭtomate ellistigas, kiam la permesata parkdaŭro de la mendita parcelo ĉesis.
Ebla avantaĝo estas, principe por personoj, kiuj pro sia laboro ofte devas uzi parkejon, ke la klientoj ricevas monatan liston pri la parkdetaloj. Alia avantaĝo, por ĉiuj, estas, ke vi ne bezonas monerojn por parki en parceloj kiuj ofertas la servon, kaj ke la kostoj por parki estas kalkulita akurate po minuto. Do, kiam vi parkas ses minutojn, vi pagas por tiuj ses minutoj, kiam vi uzas la servon. Kiam vi pagas monere, vi ofte devas pagi la minimuman kotizon, plej ofte por duona horo. Kiel kliento de certaj entreprenoj, vi povas pagi parkadon ankaŭ en kvar aliaj urboj.

Ebla malavantaĝo por personoj, kiuj ŝatas tiun pagsistemon estas, ke ĝis nun tiu servo ekzistas nur en malmultaj urboj, kaj ne ĉiu entrepreno proponas sian servon en ĉiu urbo. Alian malavantaĝon vi povas senti, sciante, ke vi devas anonciĝi rete, ke viaj park- aŭ ĉeest-kutimoj registriĝas, kaj eble vi ne konvinkiĝas, ke viaj datumoj estas sekure protektitaj. Eble tiu servo povas esti rigardata kiel plia paŝo al „vitra homo“.

Ĉiuj rajtoj pri la bildo estas posedata de „TelematicsPRO e.V“, kiu troviĝas en Berlino. Mi dankas al sinjoro *Sandrock*, kiu nome de la entrepreno permesis al mi uzi la bildon por ilustri mian artikolon.

*Peggy Ley*

# Kiel varbi por Esperanto

Komenciĝis nova jaro kaj nova sezono de varbad-aktiveco. Krom lerta elekto de materialo por nia informstando, kiu ideale ne nur konvenu al la uzebla spaco sed ankaŭ al la atendata publiko, necesas ankaŭ persona preparo de la deĵorantoj koncerne la demandojn kaj la atendojn de vizitantoj.
Sciante ke publike varbi estas pli malfacile ol varbi private, ni kolektis kelkajn principojn por esti kiel eble plej bone preparitaj.

Kion ni celas per nia ĉeesto kaj niaj interparoloj?
La listo montras la prioritatojn, ĉar apenaŭ eblas atingi la postan celon kiam ni fiaskas en la fruaj.

1. Fari bonan impreson per apero kaj aspekto simpatia, kaj invita konduto turniĝante al gastoj
2. Montri, ke Esperanto estas ĉiutage uzata lingvo
3. Demonstri la regulecon de Esperanto
4. Mencii neŭtralecon, internaciecon, tutmondiĝon.

Aliajn celojn de informstando, kiel inviti al informtago aŭ vizito de klubvesperoj, krei pretecon ricevi pliajn informojn aŭ eĉ fariĝi membro ni kompreneble ne forgesu.

**Konduto ĉe stando**
Interparoli kun aliaj helpantoj prefere en Esperanto. Kompreneble ni ŝanĝu al la Germana, kiam interesitoj venas.
Komence donu al gasto tempon por superrigardi la eksponaĵojn. Ankaŭ dum la konversacio paŭzu por ke la interesito povu plu rigardi kaj pensi pri la aŭditaĵo.

Se vi konstatas, ke la intereso estas granda, ĉesu respondi por inviti al „Schnupperkurs“ aŭ informatago, kaj petu ke la persono enlistigu sin (nomo, adreso aŭ ret-poŝtadreso) por ke ni povu informi lin. (Atentu, ke la adreso legeblas kaj kompletas)

Ni dividu la taskojn. Ne ĉiuj ĵetu sin al sama interesiĝanto, Estas forpuŝe ĉar altrude. Kiam vi scias, ke aliulo povas pli bone respondi je specialaj demandoj, transdonu la taskon al tiu.

**Ĝenaj personoj**
Kompreneble ni celas al komuniko, informo pri Esperanto kaj trovi interesitojn kaj ankaŭ novajn membrojn. Tamen eblas, ke ni ne aŭ ne plu volas paroli kun iu persono. Kiajn eblecojn ni tiam havas?
Se ni jam scias, ke ni ne volas havi kontakton, ni nek alparolu nek alrigardu tiun personon. Eble tio ne sufiĉas, kaj tiu persono alparolas nin, tiam ni respondu mallonge kaj lakone aŭ esperante. Se eblas turniĝu al alia gasto. Konstatante ke lia ĉeesto estas forpuŝa al aliaj interesitoj, logi lin al flanko de la tablo aŭ eble eĉ forkunduku lin de la stando. Spertulo zorgu pri tia gasto.

**Oftaj demandoj**
Ne ekzistzas listo de demandoj, nek listo de eblaj respondoj. Daŭre aperas novaj demandoj kiuj postulas novajn respondojn.

Kutime homoj deziras ian profiton aŭ avantaĝon, kiam ili investas tempon por okupiĝi pri io nova.
Niaj avantaĝoj estas:
- Pli facila lernado de aliaj fremdaj lingvoj
- Bona aldono al aliaj lingvoj, kiujn oni jam scipovas
- Vojaĝi, nodi propran reton, plifortigi kulturan kompetentecon, internaciaj kontaktoj
- La lingvo estas klara kaj preciza

Certe ankaŭ vi havos interesajn novajn spertojn aŭ kreos novajn strategiojn.
Interŝanĝu tiajn spertojn kaj rakontu pri ili dum klubvespero.

*Peggy Ley*




Herzberg am Harz - la Esperanto-urbo

8-a Eŭropa Esperanto-Kongreso
86-a Germana Esperanto-Kongreso

Aliĝis pli ol 200 partoprenatoj el 23 landoj

Ĉeftemo: Esperanto por multkultura Eŭropo

Eŭropa Konferenco organizata de Eŭropa Esperanto-Unio sub la temo: Signifo de la falo de Berlina muro por interhomaj kontaktoj inter Orienta kaj Okcidenta Eŭropo



94-a Universala Kongreso de Esperanto
25.07-1.08.2009
Bjalistoko, Pollando

Al UK-2009 aliĝis (ĝis marto) pli ol 1300 personoj el 59 landoj

Eble ni Espertantistoj, kaj ankaŭ mi, havis malĝustan imagon pri la kongresurbo de 2009. *Białystok* ne plu estas tiu urbeto kun 13000 enloĝantoj, kie naskiĝis *Zamenhof*. La urbo estas same granda kiel *Aŭgsburg* (UK en 1985). *Benno Klehr*



Foto: UEA

## Kongresa "sekreto"

En la priskribo de la kongresejo de la 85a Germana Esperanto-Kongreso en Herzberg (28a de Majo ĝis 3a de junio 2009) oni trovas ke la kongresejo estas la moderna *E.M.A.-Gimnazio*. Kion signifas "E.M.A." kaj kie troviĝas tiu gimnazio?
Mi deziris trovi lokon por tranokti proksime al al kongresejo. Jen, kion mi eltrovis:
La Gimnazio en Herzberg portas la nomon de *Ernst Moritz Arndt* (1769–1860), kiu estis germana verkisto kaj deputito de la Nacia Asembleo en Frankfurt (1848).
La *E.M.A.-Gimnazio* oficiale havas la adreson *Domeyerweg,* sed tiu strato en la urbomapo finiĝas antaŭ la sportejo (kiu estas menciita en la kongresaj informoj), sed ne atingas la lernejon. Alia strateto, *Am Sieberdamm,* ĉirkaŭas la lernejon kaj transiras la rivereton Sieber. Ĝi bone taŭgas por **piede** atingi la kongresejon (dek minutoj de la foirejo en la centro).

*Benno Klehr*

## Premio Ada Sikorska

Tiu premio estos transdonita dum la
*17-a Internacia Esp.-Semajno de la Kulturo kaj Turismo*.
Je la 3-a ĝis la 10-a de oktobro 2009
LA PINEDA DE MAR. (Barcelona) Hispanio.

La Premio estis kreita antaŭ tri jaroj memore al Ada Sikorska, kiu sindediĉe dum 34 jaroj laboris por Esperanto kaj ĝis sia morto redaktis la tiaman sendependan gazeton “Heroldo de Esperanto”. La Premio estas destinita al esperantistoj, kiuj aparte distingiĝis pro sia valora kaj meritplena agado favore al la Internacia Lingvo Esperanto.

La Premio konsistos el diplomo kaj medalo, sur kiu, krom la nomo de la Internacia Esperanto-Semajno, aperos reliefa bildo de Ada Sikorska Fighiera kaj dorse la gravurita nomo de la premiito, dato kaj loko de la Semajno.




Proponoj atingu, antaŭ la 15-a de aŭgusto 2009, la prezidanton de la Premia Komitato:
G.C. Fighiera, Via Sandre 15,
10078 Venaria Reale (To) Italio.
Rete: giancarlo.fighiera@libero.it

## Feŭda reĝimo en Eŭropo en la 21a jarcento

La lasta feŭda reĝimo en eŭropo ĝis 2008 funkciis sur la insulo Sark (france *Serq*).
Sark estas malgranda normanda insulo, en la manika markolo.
La insulo apartenas al la *Brita Krono* do *Reĝino Elizabeth II*. Ĝi ne apartenas al EU – eĉ ne al Britio. Jure ĝi dependas de la najbara brita *Guernsey*, kiu troviĝas en distanco de 11 km.
Reganto estas la "*Seigneur of Sark*" kun la insula parlamento "*Chief Pleas*".
La brita ministerio pri internaj aferoj administras la insulon por la reĝino. Fine de 2008 okazis balotoj por la insula parlamento, sed la *Sinjoro* estis reelektita kun 70%a majoritato.
Sciante, ke plej multaj insulanoj estas dungitoj de la *Sinjoro* oni ne miras pri tio.
Sur la insulo ankoraŭ validas arĥaikaj leĝoj, kiuj reguligas la posedadon de hundoj. Personaj aŭtoj estas ĝenerale malpermesitaj.
La "demokratoj" nun devas konstati ke la bienoj de la *Sinjoro* ne plu liveras varojn al ili.
Ŝajnas ke la Feŭdismo ankoraŭ ne finiĝis...

(laŭ informoj de Svisa Televido *SF*) *Benno Klehr*

# Nia Programo

Ĵaŭdaj klubvesperoj: 19.00 h • programo 19.30 h en Kulturladen St.Georg, Alexanderstr. 16, 20099 Hamburg

## Aprilo

**2** **Ĉina masaĝo kontraŭ diversaj malsanoj**
75minuta ĉina filmo

**9** **Ovo kunveno** - antaŭ-paska kunveno
*Hannelore Brunow* legas pri paska temo

**16** **Esperanto – Pasporto al la tuta mondo**

**23** *Gerald Roemer:*
**Vivnivelo kaj la ekologio - kiel mezuri ?**

**30** *Frank Merla:*
**Groops kaj Ipernity**
La dua parto de la prelego pri interreto 2.0

**25a de Aprilo** (Sabato) **Eŭropo-foiro**
Ni varbos inter la 10:30 kaj la 18:00 h. sur Gänsemarkt
Bonvolu anonci vian partoprenon ĉe
Ralph Glomp (040/68913663).
**Bv. legi la artikolon ”Kiel varbi por Esperanto“ .**

28a de Majo ĝis 3a de Junio:
Germana Esperanto-Kongreso
kaj Eŭropa Esperanto-Kongreso

## Majo

**7** *Werner Bormann:*
Planlingvoj Ido,
Interlingua kaj Volapük

**13** (Merkredo) **Estrarkunsido** 18.30 h

**14** **Nia Esperanto-biblioteko – enpakita ĉu tamen uzebla?**
Kion fari estonte? Diskuto kaj kolekto de ideoj kaj planoj. La estraro diskutas kun la membraro.

**21** **Ĝardena Festo dum "Ĉe-Ellen-ir tago"**
Je la 15a horo ni renkontiĝas en la Kultur-Butiko por trinki kafon – Bonvolu kunporti kukon!
(Laŭ vortludo de *Thomas Bormann* en la 1970aj jaroj la festotago "Ĉiel-ir-tago" en HES kutime estas nomata "Ĉe-Ellen-ir tago", ĉar la klubanoj dum multaj jaroj festis ĉe *Ellen Eggers* hejme.)

**28** **UBATO!**
Ni kune ludas la konatan ludon ”Tabuo“. Kiel plej bone klarigi ekzemple la vorton *Esperanto* sen uzi: Zamenhof, 1887, lingvo aŭ komuniki? Provu mem la ludon kune kun aliaj klubanoj.

## Junio

(la kompleta programo aperos konence de Junio post la Germana Esperanto-Kongreso )

**4** **Esperanto – Pasporto al la tuta mondo**

**11** **Terura Enigmo**

**18** *Dr. Ulrich Lins:* **Von Japan lernen?**
(publika prelego germanlingva)

**19** (Vendredo) 20.00 h • granda salono
***Ulrich Lins***: prelego en **Esperanto**.
**Zamenhof kaj la historio de Esperanto**
Ĉi-jare estas la 150-a datreveno de la naskiĝo de L.L. Zamenhof.
Ni kore invitas amikojn el niaj najbaraj urboj.